52a Jaro — N-ro 4 — Julio - Aŭgusto 1960a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

## TRUŜTOPILOJ, TRUŜTOPEMULOJ AŬ TRUŜTOPINTOJ !

**Al ili iras nia ĉies dankemo!**

Semajnoj jam forpasis de la solena fermo de nia 45a Universala Kongreso kaj kelkaj revuoj esperantaj jam raportis pri tiu ĉi jarfesto.

La plej multaj skribas iom oficiale kaj donas detalojn nur teknikajn. Ili ne trovas lokon por multon aldoni pri la atmosfero de la Kongreso mem ; pri la laboro farita de la organizintoj kaj por danki tiujn, kiuj tiom multon faris, por ke la Kongreso estu sukceso.

Ke ĝi estis sukceso, ĉiuj atestas ... Kaj se estas plendetoj, ili ĝenerale ne rilatas la laboron de la organizintoj, sed la mankon de ĉio, kio estus estinta por la kongresanaro la atesto kaj pruvo ke nia registaro, ke la urbestraro, ke la belga gazetaro taksas iom grave niajn klopodojn kaj nian laboron ... Sed pri tiu ĉi plendo ni havos okazon ankoraŭ diri vorteton.

Tiuj kiuj disponis pri iom pli da spaco, gratulas la subskribinton, ĉar prezidanto de la L.K.K. ; malmultaj en siaj gratuloj ankaŭ kuncitas la L.K.K.-anojn ... Sed fakte neniu disponis pri sufiĉe da loko por ankaŭ kanti himnon je la honoro de la anonimuloj. — kaj ili estis cent en Belgujo —, kiuj dum la monatoj antaŭ la Kongreso, dum la Kongreso mem, kaj kelkaj eĉ post la Kongreso, ĉion faris por ke ĉio enordiĝu.

Kaj estis tamen fakto ke, sen tiuj ANONIMULOJ ... la truŝtopiloj, la truŝtopemuloj aŭ truŝtopintoj, — kiel ilin nomis iu kunlaborintino, kiam ŝi, el miaj manoj, akceptis la dankesprimilon, kiun la L.K.K. donacis al ĉiuj siaj gehelpantoj —, NENIO estus okazinta !

Tion la subskribinto, tuj kaj senhezite, memorigis al tiu anonimulino, kiu plenumis, kun diversaj aliaj, ne nur, sed inter aliaj, ankaŭ taskojn humilajn ; taskojn kiujn iuj (kiuj ne scias, ĉar ili mem neniam ion faris) taksas kiel iom stupidaj : leterfaldado, enkovertigo, stampado, ktp., la legendon de la nederlanda knabo, kiu havas sian monumenton ĉe niaj nordaj najbaroj :

Tiu bubo momente ŝtopis, simple per sia fingro, la unuan trueton en la digo, kiu antaŭanoncis la baldaŭan pliampleksigon de la breĉeto kaj la cedon de la digo ... Dank'al lia simpla, sed kuraĝa ago, la plenkreskuloj havis la tempon por firmigi la digon ... Kaj tiel tiu bubo savis sian hejman regionon de terura subakviĝo ...

Tiel ankaŭ niaj truŝtopiloj, per la regula kaj daŭra kunlaboro, kiun ili donis al la K.K.S. kaj al la L.K.K. ĝenerale, zorgis ke ne ekestu vera breĉo en la disvolviĝo de la multaj laboroj, kiujn necesigas la preparo de Universala Kongreso kaj ke ĉio okazu je la ĝusta momento, en la ĝusta maniero.

Al ili iras nia penso ... al ili iras nia danko, en tiu ĉi tago en kiu ni turnas la paĝon ...




# 45-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Bruselo — Belgujo

30-VII — 6-VIII 1960

ADRESO : 45-a Universala Kongreso de Esperanto-Bruselo

BANKO : „Banko de Bruselo" en Bruselo

TELEGRAFO : Esperanto Bruselo

**PAGO:** Mi sendas la pagon kaj la aliĝilon al: ..................

per ..................

La monon disponigu por jenaj kontoj:

Kotizo .................. b.fr.

Literatura Kaso .................. »

Blindula Kaso .................. »

Adopta Kaso .................. »

Entute .................. b.fr.

# ALIĜILO

*Bonvolu nepre skribi preslitere*

Mi aliĝas al la 45-a Universala Kongreso de Esperanto kaj samtempe mi sendas pagon kaj aliĝilon laŭ la supra informo.

Familia nomo S-ro, S-ino, F-ino (forstreku du) ..................

..................

Antaŭnomo ..................

Strato kaj numero ..................

Urbo ..................

Provinco (kie necesas por la poŝto) ..................

Lando ..................

Profesio (nur por statistiko) ..................

Antaŭnomo de edz(in)o/infano, kiu aliĝas samtempe (laŭ aldonita aparta aliĝilo) ..................

Naskiĝjaro (nur por statistiko) ..................

Dato de tiu ĉi aliĝilo ..................

Subskribo ..................

Rajtas aliĝi al la Kongreso nur esperantistoj, nome personoj, kiuj konas kaj uzas Esperanton.

La Loka Kongresa Komitato ne akceptos aliĝilojn post la 30-a de junio 1960.

**NOTO:** La naskiĝjaro estas petata nur por statistike kalkuli la mezan aĝon de la Kongresanaro. Ĉiu informo restos konfidenca.

| KONGRES - KOTIZOJ | Ĝis 31.XII.1959 | Ĝis 31.III.1960 | Ĝis 30.VI.1960 |
|---|---|---|---|
| | b.fr. | b.fr. | b.fr. |
| Kongresano ........................... | 450 | 525 | 600 |
| Edz(in)o de kongresano .............. | 225 | 265 | 300 |
| Junul(in)o ne pli ol 20-jara kaj studentoj ........................... | 150 | 185 | 225 |

**RABATOJ**: Plenaĝaj aliĝintoj, kiuj estas individuaj membroj de U.E.A. (t.e. ricevas minimume la Jarlibron) rajtas rabaton de 50 b.fr. Edzino de membro rajtas rabaton de duono de tiu sumo, sed ne aliaj familianoj. La rabato ne validas por gejunuloj, studentoj kaj kiu ajn alia kategorio de kongresanoj.

**STUDENTOJ**: La speciala tarifo por studentoj validas nur, se kun la aliĝilo troviĝas atesto de lia/ŝia fakultato.

**BLINDULOJ**: Blindulo kaj gvidanto ricevas senpagan kongreskarton ĝis fino de marto, se kun la aliĝilo troviĝas atesto de okulkuracisto aŭ blindul-organizaĵo. Post la fino de marto oni pagas la duonon de la tiuperioda kotizo.

**INSTRUKCIOJ** por aliĝi al la 45-a Universala Kongreso:

1. Ĉiu partoprenonto nepre plenigu apartan aliĝilon. Se oni ne havas aliĝilon, uzu samformatan paperon.
2. Donu ĉiujn petitajn detalojn. Skribu klare.
3. Pagu al via landa peranto, al kiu vi sendu la aliĝilon, aŭ al la kongresa banko aŭ per pagiloj ŝanĝeblaj en banko.
4. Aliĝilo sen pago ne valoras kaj ne estos traktata.
5. La kongreskotizo ne estas repagebla, eĉ se la kongresano ne venas.
6. Kongresan karton oni ne rajtas doni, vendi aŭ interŝanĝi.
7. Se aliĝinto sendas pli ol la kotizon, la ekstraĵo estas notita en lia kredito.
8. Pagante por alia persono, sciigu per la aliĝilo la celon de la pago.



Ĉar. se la laboro de preparo kaj de efektivigo de tiu ĉi Kongreso eble ŝajnas giganta kaj kolosa . . . ĝi tamen fakte estas kaj restos nur paĝo en la Granda Libro. en kiu. — de pli ol duonjarcento, — enskribiĝis la miloj kaj miloj da faktoj kaj agoj de sindono. kiujn la esperantistaro de nia lando alportis. kaj daŭre alportados. al nia komuna afero. al la sukcesigo de Esperanto.

Ni tamen tutspeciale memoru tiun-ĉi paĝon plej belan !

Maurice Jaumotte.

**LA PLEJ JUNA KONGRESANINO VIZITIS LA INFANKONGRESETON**
**. . . kaj S-ro G. Debrouwere, prezidanto de Flandra Ligo, fotografis ŝin. F-ineto Viviane Jaumotte, nepino de la prezidanto de la L.K.K. kaj filineto de la Gazetara Sekretario, fiere portas la insignon de la Kongreso, al kiu ŝi aliĝis sub la numero 83.**

Raporto kaj Pripensoj

# Nia 45a Universala Kongreso

## (BRUSELO 30 JULIO — 6 AŬGUSTO 1960)

### La Komenco.

Evidente ke ni devas komenci per la komenco. Sed kie situas tiu komenco ? Ĉu ĝi estas la alveno de la amasoj da kongresanoj en la akceptejo ? Ĉu la interkonatiĝa vespero ? Aŭ la Solena Inaŭguro ? Unu afero estas certa : ke por la kunorganizintoj la komenco estis longe antaŭ tiuj eventoj ! La komenco por ili estis la daŭrigo de streĉa laborado . . . ĝis kelkfoje paroksismo ! Poŝtmarkgluado sur centoj da kovertoj ; ne unu fojon. Stampado de 11.000 bildkartoj en la lastaj horoj. La enmeto de la dokumentoj en ± 1.900 kovertoj ; kun tiuj kuponoj kaj ne tiuj-ĉi ; ĉe la alia. inverse ktp. La fabrikado de la ĉapoj por la infanoj kiuj partoprenos la infankongreson. La alportado de materialoj por la standoj. Kaj respondi kaj skribi ; kaj telefoni ; kaj kunveni : la kapo devas esti registro ; kaj plendoj ; kaj malhelpoj. Ripozi ? Estos hodiaŭ malfrue ; kaj morgaŭ tre malfrue. Manĝi ? Ne nun . . . Ho, mi tute forgesis tion ! Rapidu ! . . devas esti en ordo ! !

Por la plimulto de la kongresanoj la kongrespalaco mem estis agrabla surprizo. Bela moderna konstruaĵo, facile atingebla kaj tre funkcicele ekipita. ĝi tuj pruviĝis esti ideala kongrescentro. En ĝi oni tuj trovis ĉiujn LKK-anojn kies nomoj tie-ĉi sekvas : M. Jaumotte,





Afable pruntedonita de « Germana Esperantisto »

LA MALFERMO

prezidanto ; Gr. Maertens. vicprezidanto ; H. Sielens. vicprezidanto ; G.C. Fighiera. konstanta kongresa sekretario ; M. Roost. rektoro de la ISU ; R. Jacobs. sekretario ; L. De Marré. sekretario ; J. Oleffe. kasisto ; R. Jaumotte. gazetara servo ; S-ino J. Plyson. loĝado ; f-ino M. Weyn. loĝado ; f-ino R. Huysmans. ekskursoj ; J. Verstraeten kaj F. Volders ; membroj. Ankaŭ multaj kunlaborantoj kiuj sinofere kaj meritplene preparis kaj pritrakis la centojn da detaloj de tiu mondkunveno ĉeestis por efektivigi la plej streĉan parton de la tuta jaro : la laboro dum la kongresa semajno en kaj ekster la palaco kaj la kunvenejoj.

### La interkona Vespero.

La interkona vespero estis la fakta komenciĝo de la kongreso. Ĝi estis gaja, brua, en atmosfero kiu invitas. Oni serĉis fremdajn konatuloin . . . kaj perdis la siajn ! Kvankam sen programo. ĝi estas ĉiam sukcesanta ero de kongreso : libereco de parolo. de iro ien kaj reen. Oni vidas manpremojn. aŭdas kisojn ! Kaj post la fermo de la salono, oni povis vidi grupetojn vagi tra la urbo ; sur la belega kaj belege lumigita Granda Placo kaj en stratoj kaj stratetoj.

### La Solena Inaŭguro.

Ĝi estas la teoria komenciĝo. Tiu evento ĉiam allogas. Ne sen kialo ! Ĝi havas kortuŝajn kaj imponajn momentojn ! Ni gratulu unue. sed ne ĉefe. pro la muziko. Ĝi estis tre bela. kaj konforma al la sfero. Ni citu la nomon de la ludinto : muzika konservatoria profesoro Verrees. Ni ĉiam ĝojas pro la salutoj de oficialaj instancoj : tio ja montras

ilian interesiĝon pri nia movado. Ni speciale salutis la estintan kronprincon de Serawak : kavaliro Brooke, kiu laŭdire havas amikajn rilatojn en medioj de regantaj personoj ! Ĉu baldaŭ ankaŭ tiaj instancoj estos influataj ? Kun iaj rezultoj ? Ni kompreneble bedaŭris la foreston (certe kontraŭ ilia volo) de Profesoroj Doktoroj Canuto kaj Privat.

Post la simpatia hora saluto de la multnombraj partoprenantoj de la 5a infankongreseto, al kiu la prezidanto varme bondeziris nome de la " granda " kongreso, Sinjoro Achilles Van Acker, eksĉefministro, faris Flandralingve tre simpatian alparolon esprimante sian fidon en nia neŭtrala lingvo same kiel en nia tuta movado. Li bedaŭris ke aliaj aŭtoritatuloj ne povis partopreni en la kongreso pro la Kongokrizo kiu okupis ĉiujn seninterrompe. S-ro Sielens tuj tradukis la aplaŭditan paroladon. S-ro V.A. estis la sola ne-esperantista eminentulo kiu vidis parton de la kongreso . . . Kaj ankoraŭ . . . li estis jam for kiam Prof. Lapenna komencis sian rimarkindan paroladon. La longa, riĉa, variega kongreso restis fermita en sia kadro. La ekstera mondo ne spertis la solvon de la lingva problemo kaj do plu pensos ke tiu problemo restas nesolvita.

La longa sinsekvo de landaj reprezentantoj estas ankaŭ kelkfoje impona. Jen tiu el Ameriko ; tiel malproksime ; jen tiu el Oriento ; ankaŭ el tiu fora regiono ! S-ino Datoe Toemengoeng el Indonezio ; el malproksima Oriento ; el Nov-Zelando, niaj antipodoj ! La penso ke ili venis el tiel malproksime por esti kelkajn tagojn kun ni, por kune studi, priparoli, interamikiĝi, por atesti ke en la aliaj partoj de la mondo estas samideanoj, ĉio tio fierigas nin, inspiras nin, kuraĝigas nin, emociigas nin. Sed la Bulgaro tro longtempe (devis ?) parolis. Lech-Walter tre sprite parolis kaj nur la Irlandano estis vere stulta en sia alparolo.

La plej bela, la apogeo de tiu kunvenego estis sen ebla kontraŭdiro, la " fest "parolado de Prof. Dr. Ivo Lapenna. Bela laŭ formo kaj indeoriĉa laŭ enhavo. Li estas ne nur organizanta kapo sed ankaŭ pensanta kapo : kaj movado bezonas unualoke pensantajn kapojn ". Tio estas mia konvinko. Movado mortas se ĝi ne havas pensantan kapon. Karaj gesamideanoj ; nia movado estas kultura movado kaj ĝi havas ideologion ! ! Tio eble ne estas ĉiam klara al vi ? Ni devas elprofundigi kaj klarigi ĝin. Tiel ni formos konvikitajn esperantistojn. Al tiu plej grava tasko jungis sin kelkaj. Ankaŭ ĉefe Dr. Lapenna. Ie vi certe legos (devos legi !) tiun paroladon. Tamen, jen kelkaj eroj : ". . . tiu kontraŭaĵo inter la progresintaj materiaj-ekonomiaj fortoj " kaj la postrestintaj politikaj formoj de kunvivado prezentas la fundamentan antagonismon de nia epoko. Ne estas hodiaŭ la vastaj maroj, " nek la plej krutaj kaj altaj montoĉenoj . . . sed estas unuflanke la arte " konstruitaj obstakloj de politikaj limoj kaj, aliflanke, la lingvaj baroj, " tiuj muregoj, kiuj disigas la homojn unuj de la aliaj . . . kiuj rekte " minacas plej serioze eĉ la pluan ekzistadon mem de la homaro kiel tia.

" . . . oni provis solvi la mondaferojn ankaŭ alimaniere, precipe " per traktadoj sur la t.n. altaj kaj plej altaj niveloj, sed malmulto estis " kaj estas farata por interkompreniĝo sur la nivelo la plej malalta, sed





F-ino M. Boulton, la fama verkistino, kaj Sro Roose F., la redaktoro kaj recenzanto priparolas verŝajne iun gravan poezian verkajon, antaŭ la enirejo de la kongresa akceptejo kaj kun la panoramo de Bruselo ĉe siaj piedoj.




*Esperantistoj ĝuas rabaton.*

" plej grava nivelo, de la ordinaraj homoj. Oni lanĉis formulojn de tia " aŭ alia kunekzistado : paca, aktiva . . . sed oni ne pretis cedi eĉ " ereton de la absoluta ŝtata suvereneco, nek de la akiritaj pozicioj. " Ĉiam temis kaj temas nur pri la kunekzstado de la ŝtatoj kaj multe " malpli, aŭ eĉ neniom pri la amika, paca kunvivado de la popoloj . . .

" La kakofonio, kiu anstataŭis la harmonion en la muziko, la " deformitaj linioj en la pentraĵoj kaj skulptaĵoj reflektas nur la kon-" fuzon de tiu nuntempa homaro, kiu vivas kun unu piedo en abundo " kaj brilaj perspektivoj de plia materia bonstato, kaj kun la alia piedo " troviĝas sur la rando de abismo. "

La paroladinto konstatis ankaŭ la malsukceson de multaj movadoj kun internaciisma tendenco kaj, esplorante la kaŭzon de tiu malsukceso, li kun fera logiko demonstras ke internaciismo ne estas ebla sen lingvo komune homa : " . . . interkompreniĝi oni povas ankaŭ per nacia " lingvo, eĉ per gestoj kaj signoj. Sed estas esenca diferenco el vid-" punkto de internaciismo kiu lingvo estas uzata. La instrumento utili-" gata por iu celo devas esti konforma precize al la bezonoj de la celo." Karaj gelegantoj, metu bone tiun rezonadon en la kapo ! Ĉar se al eksterstarantoj vi tutsimple diros ke iu internaciisma movado ne sukcesis por la fakto ke ĝi ne uzis la internacian lingvon ,ili povos vin konsideri ŝovinistaj. Sed la supra argumento estas valida. Kaj ankaŭ tiu-ĉi argumento ke ne-valortakso de internacia lingvo, aŭ malinteresiĝo pri ĝi montras klare ke la koncerna(j) persono(j) ne havas la veran internacian spiriton, ke ili ne staras supernacie, ke ili allasas ian nacian superregon.

## La kongreso kaj Bruselo.

Se ni prave fieras pri tia manifestacio kia la kongreso, ni tamen povus atendi ke ĝia propaganda ebleco estus ankaŭ tre granda. Nu, tio estis tieĉi tute ne la kazo. Eĉ *nia* kongreso, tiom impona, perdiĝas en la grandurbo Bruselo ; despli ĉar la lokaj aŭtoritatuloj montris neniajn interesiĝon nek konsideron. Eĉ ne oficiala ; akcepto ! Dum ke, mi ne scias kiom da, stultaj kongresetoj ĝuas ian oficialan rekonon en palpebla maniero, por nia grandioza kultura kaj porhomara laborado : nenio ! La sama ĉe la loka gazetaro, kiu, ĉar de la ĉefurbo, estas nature de la plej grava. Oni povas legi ĉiutage, sur la unua paĝo, raporton pri iu preskaŭ ignorata kaj tre malmulte ĉeestata manifestacio ; sed nin ili ne vidas kaj ne volas koni. En tiu-ĉi lando por ekhavi konsideron, oni devas esti subtenata ĉu de la politiko ĉu de la potenca financo. La t.n. akcepton en Hoeilaert ni nomu laŭ ke ĝi estis en vero : ekskurso kaj komerco. Feliĉe ke personoj kiel S-ro Jaumotte — kiu faris ĉion eblan — ne lasas sin malkuraĝigi. Sed badaŭrinda ĝi estas. Ni scias kiom valoras la paroloj de ĉiuj tiuj oficialuloj kiuj blekas pri altaj idealoj, la bonfarto de la homaro kaj similaj aferoj. Ŝajno, trompo, hipokriteco.

## Diversaj Kongresaranĝoj.

Sub la konstanta gvidado de la prezidanto, de la du vicprezidantoj kaj de la KKS glate funkciis multaj servoj dum la tuta daŭro de la kongreso.

Tuj ĉe la granda enirejo troviĝis la rendevua tabulo laŭ nova bonega koncepto, kun kiel konstanta deĵorantino F-ino E. Van der Weken, kiu ankaŭ prizorgis la leterservon kaj . . . la perditajn objektojn. (grava servo !)

Surprizo estis la multaj, klaraj, modernaj tabuloj kaj indikiloj en la granda halo kaj en la diversaj koridoroj, laboro de S-roj Verstraeten, Montmirail, Schellekens, Andries kaj Hendrickx.



Ĉe la " Informoj " deĵoris gvidistino de la urbo Bruselo kun membroj de la Brusela grupo inter kiuj precipe s-roj Jacobs kaj Jirousek ; dum ĉe la sekcio " Ekskursoj " devis tre streĉe labori f-ino Huysmans kun s-roj de Cuyper, Van Herck, Castel, J. Piron, Dekrom kaj aliaj.

Aparta stando por la loĝado estis prizorgita de s-inoj Plyson kaj Weyn kaj de s-ro Nanquette. En la poŝtoficejo deĵoris du esperantistoj.

Ĉe la alia enirejo, en la vasta sekcio " Dokumentoj kaj kaso ", tuta taĉmento devis labori ĝis la lasta tago, sub gvido de s-roj Fighiera, Oleffe kaj Van Eynde, inter kiuj ni hazarde citas ges-rojn Bernaerts, Enzlin, Staes, Van Eynde, Obozinski, Isaacson, Lecat, Balleux, Van der Stempel, Kestens, De Backer, Moriamé, Geers, Groverman . . . kaj aliaj.

Aliflanke en speciala oficejo funkciis la gazetara servo kiu — por la Belga gazetaro — estis tre bone prizorgita dum la tuta tempo de s-ro R. Jaumotte, diligente helpata de s-ino M. De Marré kaj de f-ino Oleffe.



S-anino Datoe Toemoenggoeng Chailand Sj el Indonezio kaj S-ro T. Sekej kun Dirk Maertens antaŭ la kongresejo.

La librostandon bonege prizorgis s-ro R. Iserentant, direktoro de la " Flandra Esperanto-Instituto " kaj helpis lin en la vendado la Bruĝaj gegrupanoj R. Martens, Roose kaj f-inoj A. Van Wezel kaj C. Lefevere. Helpis ankaŭ la Gentaj f-ino Terrijn kaj s-ro De Boes. S-ro G. Van den Bossche estis la deĵoranto de " Belga Esperanto-Instituto ". Oni tre multe vendis.

La foto-ekspozicio, organizita de s-ro De Brouwere el Kortrijk, estis komence en tiu speco. Ĝi donis impreson ne de ekspozicio, sed de ornamaĵo de tiu vendejosalono. Oni tamen daŭrigu sur tiu vojo ĉar estis kelkaj vere belegaj fotoj.

La stando de la Germanoj kun la diskoj havis ankaŭ sukceson ; sed ili tiom da fojoj aŭdigis tiun muzikon ke mi preskaŭ deziris neniam plu aŭdi tiujn esperantlingvajn kantojn, kvankam belaj. Nun, monaton post la kongreso, mi reludigas tiujn diskojn !

La filmoj pri Bruĝo, Oostende, la kasteloj en Belgujo ktp., prizorgitaj de la Antverpena, Bruĝa kaj Brusela grupoj estis belaj ; la



M. JAUMOTTE
*prezidanto*

# L. K. K.

## 45-a U.K.



H. SIELENS
*vicprezidanto*



G. MAERTENS
*vicprezidanto*



G. C. FIGHIERA
*konstanta kongresa sekretario*



L. DE MARRÉ
*sekretario*



R. JACOBS
*sekretario*



Prof. M. ROOST
*Internacia Somera Universitato*





J. OLEFFE
*kasisto*



R. HUYSMANS
*ekskursoj*



R. JAUMOTTE
*gazetara servo*



J. PLYSON
*loĝado*



J. VERSTRAETEN
*L.K.K.-ano*



F. VOLDERS
*L.K.K.-ano*



M. WEYN
*loĝado*

elparolo estis klara. Tre multaj kongresanoj vizitis la prezentadojn. En la kinejo deĵoris tre akurate s-roj Van Eynde, Montmirail, Hendrickx kaj Van Dessel.

En la salono antaŭ tiu de la libroj, oni povis aŭdi konstantan, sen haltan babiladon. Ĝi estis la stando de la bildkartoj kun s-inoj Jaumotte, Vermuyten, Volders-Van der Mast, f-inoj M. Jacobs kaj Brack. Ne mirinde ke ili jam tagojn antaŭ la fino de la kongreso forvendis la milojn kaj milojn da kartoj. Tiuj personoj devus esti en ĉiuj kongresoj la Konstantaj Kongresaj Kartovendistinoj ! En la sama salono prizorgis s-ro Schellekens la vendon de la kongresfotoj ; jam ek de la dua tago.

## La Infankongreso.

Ĝia sukceso estis senprecedenca : 87 geknaboj de 10 nacioj. Estis bonega ideo venigi ilin sur la podio dum la solena inaŭguro. La " adopta patreco " (iniciita de S-ro Jaumotte) estis grandega sukceso kaj ebligis la alvenon el landoj el kiuj tio estis ne ebla. Komprenebe ke la kunvivado dum tuta semajno de tia grupo — kun tiom da diversaj karaktero, edukiteco, vivkoncepto ktp. — metas la organizantojn antaŭ tre seriozaj problemoj. Ni ne sufiĉe povas danki S-inon Jacobs kaj aliajn. Tiu infankongreso akceptis la grandan kongreson dum merkredo, posttagmeze. La gepatroj de tiuj infanoj devas scii ke estas ne eble aranĝi pli bonan programon ol estis nun farita se antaŭ la kongreso tiuj infanoj ne estas preparitaj. Ankaŭ mi batas sur mia brusto kaj diras " mea culpa ". Mi ne volas diri ke tiu akcepto ne estis bona aŭ ĉarma, tute ne ; sed ĝi povas esti ankoraŭ multe pli bona se la gepatroj longe antaŭe instruas ion al siaj infanoj. Dum la ferma kunsido S-ro Jaumotte raportis pri tiu kongreseto. Mi volas aldoni ion. Devas esti sufiĉe substrekata la idea flanko de la afero. Ĉu vi bone konscias, karaj gekongresanoj, ke tie okazis io unika kaj io tute nova en la mondhistorio ? Ke *infanoj*, de tiom da nacioj, libere, sen malhelpo, sen antaŭjuĝo, interparolis kaj interamikiĝis ! Sub influo de UNESCO oni revizias la programojn en la lernejoj kaj oni devigas instrui pli en supernacia spirito tiel ke oni eĉ ŝanĝas lernolibrojn. Sed kie tiu supernacia spirito kaj eduko pli bone efektiviĝas ol ĉe ni ? ! Ankaŭ tion multaj oficialaj personoj kaj instancoj devus ne nur scii, sed konstati.

## La Internacia Somera Universitato.

Estis ok prelegoj. La temaro tre varia ; io por ĉies gusto ! Ĝenerale ili estis tre multe ĉeestataj. Sed kelkfoje tro malfrue komenciĝis ! Mi demandas al mi kial ? Tio estis tre ĝena rilate al la prelego de T. Sekelj. Mi ĉeestis kvin. Nia mondvojaĝanto parolis pri " Yoga ". Ĝi estis tre interesa sed mi ne komprenis lian konkludon kiam li diris ke ĝi ne taŭgas por okcidentanoj ĉar tiuj lastaj havas tute aliajn vivkondiĉojn. Post atenta aŭskultado al lia prelego mi havis la impreson ke la okcidentanoj povus pli bone toleri siajn vivkondiĉojn se ili adoptus tiun Hindan vivmanieron.

Mi tre ĝuis la altan sciencan nivelon de la prelego de Prof. Collinson pri " Toponimio ". Prave la paroladinto ofte diris, en rilato kun





klarigo de iu loknomo : " Ŝajnas ; verŝajne ; povas esti ; eble . . . " Efektive multo en tiu branĉo estas ankoraŭ ne certa. Precipe interesis min la klarigo pri multaj Flandraj loknomoj. Mi havis poste la okazon atentigi lin pri tio ke la nomo Brugge preskaŭ certe ne venas de " brug " (= ponto) sed de la Norvega " Brygjja " (= elŝipiĝejo) (estus tro longe detali tie-ĉi la historiajn argumentojn). Kaj tio estas fakte ne en kontraŭdiro, male, harmonias el historia realeco, kun la signifo de antikv-germana " brugio " = loko kie estas ŝtuparo por trairi akvon. La parolado de G. Waringhien estis ne nur tre interesa sed ankaŭ ĝuinda. Li parolis fakte pri tri Flandroj kiuj verkis Franclingve : E. Verhaeren ; Ch. De Coster ; M. Materlinck. G.W. havas la naturan kapablon revivigi. Kiam li laŭtlegas literaturajn pecojn, lia voĉo estas varma kaj sentoplena. Ni ankaŭ jam de longa tempo scias ke li bonege kapablas traduki. Legu nur liajn tradukojn de Verlaine k.a. en " La Nica Literatura Revuo ". Kelkajn aliajn Flandrojn li menciis. Multaj Flandroj ne ŝatas tiujn aŭtorojn pro (kultur)politikaj kialoj. Sed ĝi estas fakte ke kiel literaturistoj kaj artistoj ili meritas esti konataj. Por la prelego de Dr. Lapenna la alfluo estis granda. Ĉirkaŭ la 10a h., kiam la antaŭa prelego ankoraŭ okazis, komencis la invado de la salonego. Povas esti ke ne nur la oratoro sed ankaŭ la temo trovis pli grandan interesiĝon. Kaj ankaŭ por la historistoj estis interesa peco ! La parolado de Dr. Juan Regulo Perez pri la komercaj rilatoj inter la Kanariaj insuloj kaj Flandrujo. Fakte temis pri tiu komerco en la 16a jarcento, laŭ la tiutempa mondhaveno Antverpeno. Tial la titolo estis iom erariga. Antverpeno estis unu de la kvar ĉefaj urboj de la *Duk*olando Brabanto. Tiu urbo apartenis al la *Graf*olando Flandrujo nur de 1357 ĝis 1406. Mi atendis ankaŭ kelkajn (certe malmultajn) sciigojn pri tiu komerco kun Flandrujo dum la 15a jarcento. Dr. J. Regulo sendube metis " Flandrujo " ĉar Antwerpen situas en la Flandra parto de Belgujo. Por esti rigore ĝusta ni devas detali ke Flandra Belgujo fakte konsistas el parto de Flandrujo, parto de Brabanto kaj parto de Limburgo ; de kiuj tri landoj nuntempe estas ankaŭ parto en la hodiaŭa ŝtato Nederlando. Cetere la prelego estis ankaŭ plej interesa ! Paroladis plie Kur. Stop-Bowitz pri la eŭropa angilo ; Prof. Dr. M. Roost, de la universitato de Bruselo, kaj kiu estis rektoro de la I.S.U., pri la juraj problemoj en rilato kun la atoma energio ; H. L. Elvin pri la Angla edukado ; Franck Merrick pri Esperantaj kantoj ;



**Afable pruntedonita de « Germana Esperantisto »** — **LA LKK-PREZIDANTO dum la inaŭguro de la infankongreseto**

Inĝ. Oton Pancer pri la vivo de vilaĝanoj. Mi nun esperas ke tiuj prelegoj estos en aparta broŝuro eldonataj. Sed mi ne devas multe esperi se mi konstatas ke la du antaŭauj tiaj eldonoj (tamen jam tute ne freŝdataj) estas ankoraŭ ne elĉerpitaj. Kaj tion mi ne komprenas se aliflanke mi vidas ke la ISU mem estis multe vizitataj. Mi profitas la okazon por diri ke la broŝuro kun la ISU-prelegoj de Malmö estas nun havebla por nur du ŝilingoj!

**La Belga Vespero.**

Naŭ tagojn antaŭ la komenciĝo de la kongreso, S-ro Jaumotte diris ke li rimarkis ke estis nenio sur la programo por la dimanĉa vespero. Kaj kun lia konata humoreca sento, li aldonis ke tamen ankaŭ en Bruselo povas pluvi, eĉ dimanĉvespere. Do li tuj havis la ideon pri iu Belga, informa kunveno. La prezidanto, vic-prezidanto kaj sekretario de la du ligoj sidus sur podio kaj respondus demandojn pri nia lando. Vi konstatas la improvizecon de tiu kunveno! Tamen ni havis planon. Post enkonduko de S-ro Jaumotte paroladus mallonge Drs. F. Roose pri la historio de nia lando. Poste ni montrus lumbildojn pri la diversaj aspektoj de nia lando. Kaj poste ankoraŭ se montriĝus dezirinde mi. parolus iom pri kelkaj Belgaj tipoj kiuj famiĝis kaj ludis gravan rolon en la eksterlando. Do, ni ne plu timis alfronti la publikon. Kio fakte okazis? Ke post la enkonduko de la kongresa prezidanto komenciĝis tuj la demandoj kiuj estis tiel multaj ke ili plenigis la vesperon. Kaj ĉiu montris sian plenan kontentecon. Unu demando estis ne



## Partoprenintoj el nia lando al la 45-a kongreso

En nia numero de majo-junio, ni aperigis unuan liston de enloĝantoj de nia lando, kiuj aliĝis al la 45a Universala Kongreso.

En la nuna, ni presigas la finon de tiu ĉi listo kaj evidentiĝas do el tiu ĉi daŭrigo ke, inter la 1931 kongresanoj, kiuj aliĝis el ĉiuj partoj de la mondo, estis 259 el nia lando.

Rezultato tute kontentiga por lando tiel malgranda kiel la nia!

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1561 | Thibau, Rita, Antverpeno | 1735 | Verdijck, Linda, Antverpeno |
| 1591 | Matuszeweski, Tadeusz, Rocourt. | 1736 | Verdijck, Wim, Antverpeno |
| 1592 | Bajurski, Wieslaw, Roucourt | 1737 | Erculisse, Marie-J., La Bouverie |
| 1610 | Piron, Claude, Namur | 1774 | Jurion, Rosa, Westmalle |
| 1611 | Piron, Nicole, Namur | 1775 | Lombaerts, Fr. Belsele-Waas) |
| 1622 | Kwasiborski, Kazimierz, Cheratte | 1776 | Roose, Marie-Louise, Bruĝo |
| 1623 | Butowska, Stefanio, Cheratte | 1777 | Smets, Maria, Bruĝo |
| 1639 | Van Dessel, Albert, Antverpeno | 1815 | Hendrickx, Freddy, Antverpeno |
| 1640 | De Roover, Mark, Antverpeno | 1816 | Hendrickx, Henry, Antverpeno |
| 1641 | De Roover, Kris, Antverpeno | 1833 | Lernout, Jozef, Mortsel-Antv. |
| 1642 | De Roover, Frank, Antverpeno | 1838 | Vanderlinde, Maurice, Astene |
| 1643 | De Roover, Anne, Antverpeno | 1840 | Vanbreuse, Rita, Verviers |
| 1646 | Apers, Karlo, Mehleno | 1856 | Vleugels, Arthur, Wijgmaal (Br.) |
| 1647 | Lefevere, Christiane, Bruĝo | 1871 | De Doncker, Jean, Bruselo |
| 1648 | Maertens, Dirk, Bruĝo | 1881 | Mathieux-Toussaint, A., Bruselo |
| 1649 | Lödör, Erik, Gento | 1882 | Arnold Juliette, Bruselo |
| 1701 | Hendrickx, Josée, Antverpeno | 1883 | Guyot, Mateo, Barchon |
| 1719 | Henquinez, M.-Th., Wijgmaal | 1899 | Borghys, Jules, Willebroeck |
| 1732 | Romanczyk, Danuta, Ottignies | 1906 | Karnas-Verhoeven El., Antverpeno |
| 1733 | Lödör, Katja, Gento | 1924 | Naster, Marcel, Mekleno. |
| 1734 | Montmirail, Marit, Antverpeno | | |

respondata ĉar ni ne sukcesis kapti kion la demandinto ĝuste volis kaj ankaŭ ĉar ni havis la impreson ke li volis debaton. Sed ĉar eble kelkaj legantoj volus scii respondon, jen mi donas ĝin. Temis pri la nomo: " Belgo ". Tiu nomo aperis unuafoje iom antaŭ Kristo per J. Cezaro kiu per ĝi volis nomi la nordan parton de Gallujo kaj kiu entenis multajn tre diversajn gentojn. (Morinoj; Menapianoj ktp. ktp.) Poste tiu nomo tute malaperis kaj reaperis nur en la 16a jarcento. Estis la humanistoj (tiuj kleruloj kiuj studadis la antikvon) kiuj re-uzis ĝin. Kaj tiam ĝi estis la nomo por indiki la landojn kiuj nun konsistigas Belgujon kaj Nederlandon. Tiu nomo estis uzata nur de tiuj intelektuloj, ne de la regantoj. Ekzemple, imperiestro Karlo Va devis nomi sin: Grafo de Flandrujo, Duko de Brabanto, ktp. ktp. La unua reganto kiu uzis kolektivan titolon estis ArkiDuko Alberto (1598-1621): " Princeps Belgarum " kaj en la ideo ili havis ĉiujn la " malaltajn landojn apud la maro ", kvankam en realo li regis nur la sudajn, proksimume la nunan Belgujon, pro la disiĝo kiu okazis fine de la 16a jarcento.

Ni pensas, kaj ni esperas ke tiu aranĝo inspiros sekvontajn kongreskomitatojn por prezenti samajn informkunvenojn je intenco de la eksterlandanoj.

**La Sekciaj Kunvenoj.**

Okazis du sekciaj kunvenoj: 1) Esperanto en la lernejoj; 2) Kontribuo de Esperanto al la granda projekto de UNESCO " Oriento-



Afable pruntedonita de « Germana Esperantisto » — EL « KURIOZA OKAZAJO » de Goldoni

Okcidento ". Nur la unuan mi ĉeestis. Ĝi estis multe vizitata. Antaŭ la komenco, ni ricevis ses-grandformatpaĝan dokumenton kun rezultoj de la enketo farita de CED.

La " Centro de Esploro kaj Dokumentado " estas kreitaĵo de Dr. Lapenna. Ni tuj diru ke ĝi estas ege bezonata kaj ke ĝi laboras plej serioze kaj laŭ scienca plano. Ĝi havas stabon de fidelaj kaj kompetentaj kunlaborantoj. Nu, kiam estis la vico al la Franca reprezentanto por raporti pri stato de nia lingvo en la Francaj lernejoj, ni foje rigardis en la dokumento kaj trovis tie liston de 49 lernejoj en kiuj E-o. estas instruata. Sed S-ro Ribot deklaris ke almenaŭ 300 paroladoj estis en lernejoj faritaj kaj ke, sekve de tio, ĉirkaŭ *100* kursoj estis donitaj ! Do, granda nekompleteco de la dokumento. Venis ankaŭ la Jugo-Slava reprezentantino. Laŭ la dokumento : 16 lernejoj kun Esj.-kurso. Sed, laŭ la reprezentantino : cent dudek ses lernejoj ! ! Kaj tiel plu ! En la dokumento troviĝas flanke de la nomo de la lernejoj, indikoj pri jes aŭ ne oficialeco de la kurso, nombro de lernantoj, tipo de lernejo ktp. Sen ke oni pri tio parolis en la kunveno, mi malkovris eraron. Mi do pensas ke enŝteliĝis tie multaj eraroj. Do, en kiu grado tiu dokumento estas ankoraŭ utila kaj uzebla ? Tio ne estas kulpigo de Dr. L. aŭ de liaj kunlaborantoj. Ili ne povas labori laŭ alia maniero ol ke ili nun faras. Sed tio montras ke oni estas kompatinda se oni dependas de la informoj de la esperantista amaso ! Ŝajnas ke CED planas dokumenton pri la vivo kaj laboro de la esperantaj grupoj. Tio estos io belega ! almenaŭ se estas la grupoj mem kiuj devos doni la informojn ! (kaj mi ne vidas alian eblecon). Oni havos bildon de kio devus esti. Kaj CED sendu tiam, ne-antaŭvidite, inspektoron por kontroli ! Pri nia lando, nur unu mencio en la dokumento kaj ne raporto. Tamen





estas en niaj liĝoj kelkaj instruistoj kaj profesoroj. Kial ili nenion sciigas al sia liga sekretario ? En kelkaj landoj oni laboras kaj progresas tre serioze : Nederlando, Polujo, i.a. Ekzistas projekto de " Interŝtata Konvencio " al kiu pluraj landoj ŝajnas favoraj : enkonduki esperanton se aliaj landoj ankaŭ faras ĝin.

En la dua sekcio oni konsideris kio estas jam farita : prelegoj, la libro " Nepalo malfermas la pordon " ; tradukoj de okcidentaj verkoj en orientajn lingvojn pere de esperanto. Mi ne scias ĉu oni menciis la vojaĝon de F-ino Joŝiko Kaĵino kaj de S-ro Itoo ? la rezolucio rekomendas daŭrigon kaj interŝanĝon de sonbendoj kaj de paroladantoj.

## La Akademio de Esperanto pritraktas la problemon -ata -ita.

Sidis sur la podio la akademianoj. Ĉiuj gravuloj, kompetentuloj, certe ! Sed ne ĉiuj pri lingvaj aferoj ! Enkondukis la debaton la Prez. Inĝ. Isbrücker. Lia parolado estis poste disdonata. Ankaŭ li, kiel preskaŭ ĉiuj polemikantoj, bazas sin je Zamenhof. Kiel la Kristanoj de diversaj eklezioj mortfrapas unu la aliajn per la Sankta Skribo : tiel ambaŭ partioj mortfrapas reciproke per citaĵoj de la majstro. Temas pri tio-ĉi : kiam oni volas diri ke, en pasinta tempo, al iu aŭ io okazis io, ĉu oni devas meti ĝi, li, ŝi estis -ita aŭ estis -ata ? En niaj regionoj ĉiuj diros : kompreneble " estis -ata " ; ĉar la alia formo signifas ke en tiu pasinta tempo ĝi ne plu okazis, sed jam estis okazinta. Tiel ni lernis en la kurso. Ne, diras ne malmultaj, " estis -ita " vi devas skribi ; as ata signifas daŭron, ne-finitecon, kaj se vi volas difini ke la ago jam finis vi do uzu " estis-ita ". Tiel G.W., en sia cetere majstra libro " Lingvo kaj Vivo " (eldono Stafeto : recenzita en tiu-ĉi revuo) komprenas la frazon ke " iu estis renversata de veturilo " tiel, ke la veturilo daŭre kaj ree (senfine ? !) renversas lin.

Absurdaĵo ! Sed homoj kiuj tro ekskluzive teorie rezonas, venas ofte al tiaj sensencaĵoj. Tiuj lastaj estas nun nomataj la " aspektuloj ".

Post Isbrücker parolis Prof. Collinson kiu opinias ke estas tre danĝere enkonduki " aspektojn " en la konjugacioj. Ni notu ke Collinson estas fama filologo.

Tiam Prof. Lapenna defendis la tezon de la aspektoj. Li multe,



*La Kongresanoj, fotografitaj tuj post la Solena Malferma Kunsido, sur la ŝtuparo de la Kongrespalaco, flanke de la ĉefa enirejo.*

multe tro longe parolis. Kuratoro Stop-Bowitz kontraŭargumentis. S-ro Pragano parolis ankaŭ en kontraŭa senco. Poste Prof. Waringhien havis la parolvicon. Li estas senegala erudiciulo. Lia interveno estis aŭtoritata kaj impresa. Li metis la esperantistojn antaŭ sia respondeco. Li diris ke grava danĝero de ne-plu-unueco en la lingvo-uzo minacas, kaj li demandis ĉu ni decidos daŭrigi la lingvon de Zamenhof aŭ ne. Kvankam impona ?, mi ne povas ne diri ke mi opinias ĝin sofista kaj paradoksa. Mi ekzemple miras ke personoj kiuj tiel rigore tenas sin al la fundamento, uzas la malaprobitan -io anstataŭ la fundamentan -ujo por la landnomoj. Due : vole aŭ nevole la lingvo de Zamenhof ŝanĝiĝis iomete ekz. en pli-uzo de kelkaj afiksoj kaj malpli-uzo de aliaj. Trie. Zamenhof certe uzis la participojn laŭ la koncepto de la aspektuloj (Tion G.W. nerefuteble pruvis en la citita verko) sed oni ne trovas tian devigan uzon en la Fundamento ! Kaj ŝanĝo, se dezirinda kaj se ne kontraŭa al la fundamento, estas permesata. Mi formulus mian opinion, kiu ne estas tiu de filologo, (do senvalora ?) tiel : " verboj estas konjugaciataj en tempoj. El la naturo de la afero mem, " tiuj tempoformoj donas nur tempojn kaj nenion alian. Se en kon-" jugacio oni aldonas aspektojn, oni aldonas ion al konjugacioj frem-" dan. La frazo : la sepan de majo la rezolucio estis akceptata ", signi-" fas ke en tiu dato la akcepto okazis : kaj se vi subkomprenus, pro " tiu -ata, ke ne finiĝis en tiu dato, tiam la persono dirus tute nature " ne la sepan, sed la okan aŭ iun postan daton. " Plej trafe S-ro Jung montris la absurdecon de la aspekta sistemo per kelkaj ekzemploj. Sed, kompreneble, estis jam tiel malfrue ke S-roj Lapenna kaj Waringhien devis foriri ; kaj do ni ne scias kion ili estus eventuale respondintaj. Ankaŭ ekestis jam iom da bruo, tiel ke mi, kaj verŝajne ankaŭ aliaj, ne plu tre bone komprenis s-ron Jung. Tie-ĉi sekvas liaj tri ekzemploj, eble ne tute laŭliteraj. 1) Temis pri iu ĉambro de kiu " ĉiuj fenestroj estis fermitaj " kaj do (por aerumi ?) " ĉiuj estis malfermitaj "(!) Jes, ni ne povas uzi -ataj, por indiki finitecon(!) 2) Temis pri kongresanoj kiuj eniris salonon kie ili estis regalitaj kaj poste eliris tiun lokon kie ili estis regalitaj. Dufoje, sensence, -itaj ; kie evidente la unuan fojon devas stari -ataj. 3) La trian mi bone povis noti. Hazarde S-ro Jung publikigis tiun en " Heroldo " kaj ne la aliajn. " Sur la strato kuris viro ; liaj kruroj estis forŝiritaj de bombo " (!!). La rezulto de ĉio-tio ? Ke ekregas konfuziĝo ! Feliĉe, kiel S-ro Jung akcentis, ke en tre multaj kazoj ne gravas kiu participo estas uzata. Ne plu restis tempo por lasi aŭdiĝi sin la " vox populi esperantistici ". Tio vekis indigniĝon ĉe kelkaj ; kaj ekster la muroj la diskutado estis forte daŭrigata.

# La « Voĉo de Ameriko »

**Elsendoj en Esperanto pri la Usonaj elektoj.**

Estis 3 tridekminutaj radioprogramoj konsistintaj el intervjuoj, biografiaj notoj, respondoj al demandoj, raportoj pri la elektobatalo. Datoj : 21a, 28a de oktobro kaj 4a de novembro. Horo : 22a laŭ Greenwich. Ondo : 31.20 (9615 kcs) kaj 25.26 metroj (11875 kcs) por Eŭropo.

Raportojn pri ricevo kaj opiniesprimojn sendu al Dr. W. Solzbacher, Voice of America, Rm. 2528, HEW, Washington 25, D.C., Usono.

---

**La Ekskursoj de la Jaŭdo.**

Estis du ekskursoj : Unu iris al Waterloo, Charleroi, Namur, la Ardenoj kaj la valo de la Mozo.

Ĝi okazis per kvar komfortaj aŭtoĉaroj kaj F-ino R. Huysmans, ekskursestrino gvidis mem la karavanon, kun la helpo de S-ro R. Van Eynde, kiu daŭre ankaŭ sin dediĉis al la bona evoluigo de la longa vojaĝeto tra unu el la plej belaj regionoj de nia lando.

La unua celo estis Waterloo, famkonata nomo kaj ankaŭ interesa vizitindaĵo. Estis okazo por la partoprenantoj surgrimpi la monteton ĝis la bronza leono kaj ankaŭ en la kinejo-panoramo memore refreŝigi kelkajn okazintaĵojn el la Napoleona periodo.

De Waterloo la aŭtoĉaroj rekte daŭrigis al Charleroi, kie estis Grafo G. de Cuyper kiu prenis sur sin la gvidon de la karavano al la belega moderna Urbdomo, kie estis antaŭvidita oficiala akcepto.



Infanoj de S-anoj Roose kaj Maertens ripozas en la parko antaŭ la kongresejo. Kvankam la kongreso jam finis, ili ne jam formetis la belan ĉapelon.

Estas la skabeno de Laboro, S-ro Langrand, — ĉirkaŭata de la komunuma sekretario S-ro Lenoir kaj de la urbaj konsilantoj S-roj Mayence kaj Loraux, — kiu akceptis niajn kongresanojn.

En sia tre afabla paroladeto, li bonvenigis la vizitantojn, akcentis la avantaĝojn kiujn alportas Esperanto, glorigis la belan idealon de la Esperantistoj kaj deziris al ĉiuj plej bonan restadon en la urbo Charleroi kaj en Valonujo.

S-ro de Cuyper tuj tradukis esperanten la paroladon de la Skabeno kaj aldonis mem vorton de danko pro la kora akcepto, kiu estis kronata per trinko de la honorvino.

Sed baldaŭ estis tempo por forveturi al Namur, — kie S-ro P. Piron, en restoracio sur la altaĵo flanke de la Citadelo, aranĝis tagmanĝon, — kaj iom ripozi en plej agrabla pejzaĝo . . . Tiu ĉi ripozo tamen iom tro longe daŭris, se ni pensas ke la karavano ankoraŭ devis daŭrigi sian vojon tra la valoj de la Molignee, de la Bocq, laŭiri Maredsous, halti en Dinant kaj reveturi al Bruselo !

Ĉio tamen glate disvolviĝis . . . Nur kun " erareto " rilate al la horo de realveno en la ĉefurbo . . . Sed certe neniu kongresano tion bedaŭris, ĉar estis por ĉiuj vere bela tago.

Aliflanke, speciala vagonaro veturigis 440 personojn al Bruĝo. Fakte ne tiom, ĉar kelkaj venis tro malfrue en la Brusela stacidomo kaj devis preni sekvintan vagonaron. Dum la vojaĝo ĉiu ricevis folion sur kiu li (ŝi) devis indiki preferon por mallonga vizito kun muzeo aŭ boatveturo, aŭ tre longa vizito sen muzeo nek boato. Estis tri kategorioj. Ekster la Bruĝa stacidomo la tuta aro estis en grupoj dividata kaj povis komenciĝa gvidado.

Kiuj elektis la plej longan viziton komencis jam en la stacidomo mem kaj ricevis detalan historian klarigon pri la urbo. Ĉiuj devis esti sur la burgo-placo je 11.45 h. por la akcepto en la urbdomo. Ĉiuj kolektiĝis en la granda Gotika salonego dum ke malgranda grupo (" eminentuloj " !) estis akceptata en la skabena salono. Tiu lasta akcepto iom malsukcesis. Efektive devis esti tie personoj kiel Dr. Solzbacher, Stop-Bowitz k.a. Sed pro la longo atendado al la boatoj, tiuj

# La 1a Internacia Foto-Ekspozicio

La 1a internacia foto-ekspozicio aranĝita en la kadro de la 45a internacia Kongreso de Esperanto en Bruselo, nombris 29 bildojn, plej multe de tre bela kvalito, el kiuj pluraj teknike perfektaj.

La juĝantaro klasigis ilin laŭ sekvanta ordo :

1. " Plantado de arbaro " de Antonov Luben, Sofia.
2. " Lumo kaj Ombro " de Hinderyckx, Brugge.
3. " La Sektoro 18 " de Doris Malenzyk, Zabrze.
4. " En la Tendo " de Antonov Luben, Sofia.
5. " Lernantoj konkeras Teknikon " de N. Nikolov, Sofia.
6. " Kvieteco " de D-ro Pedro A. Tesone, Buenos Aires.

La bildoj de Maertens G. kaj Debrouwere G., organizantoj de la ekspozicio, estis ekster konkurso.

La juĝantaro ekzamenis poste la tuton de la ensenditaj fotoj de ĉiu partoprenanto kaj klasigis ilin grupe laŭ sekvanta ordo :

1. Antonov Luben, Sofia, Bulgarujo.
2. Doris Walenzyk, Zabrze, Polujo.
3. N. Nikolov, Sofia, Bulgarujo.

Kvankam la ekspozicio estis nur modesta, kompare al tiuj kiuj jam delonge fariĝis tradiciaj foto-manifestacioj en multaj landoj, ĝi certe povis esti konsiderata kiel interesa kaj imitinda iniciativo.

La venonta kongreso en Harrogate staros sub la signo de " arta festivalo ". La eksperimento de Bruselo atestis ke en niaj rangoj estas amatoroj kiuj majstre estras la foto-arton ; la 2a ekspozicio estu sukceso kaj decidu por ĝia regula enkonduko en ĉiuj kongresoj !

venis tro malfrue, do ne ĉeestis. Drs. Roose alparolis la urbestron kiu poste respondis : Nome de la fremduloj parolis S-ro Minnaja. Ankaŭ S-ro Debrouwere, prezidanto de Flandra Ligo, kaj S-ro Poupeye, parolis. Poste la grupeto iris al la Gotika salonego kie estis nur " aŭdeblaĵo " j. neniu " gusteblaĵo ". Parolis denove S-ro Roose, nunjara prezidanto de la Komitato Bruĝa de la du grupoj, kaj la urbestro. Intertempe sonorilarkoncerto aŭdiĝis je nia intenco. Ni povis konstati ke Brugge estas urbo kie svarmas la turistoj dum la tuta somero kaj kie okazos multaj kongresoj. Tagmeze, en la ornamitaj haloj, la partoprenantoj ĝuis Brueghelecan tagmanĝon. Servistoj en 16jarcenta kostumo kaj muzikistoj idem. Biero tiom kiom oni volis, en speciala pokalo, kiun oni povis gardi kiel memoraĵon. Nur du ombroj je tiu tre bone sukcesinta restado en Brugge : ĉe du tabloj la malfrue envenintoj ne ricevis sufiĉe da manĝaĵo ; kaj estis en la lastaj tagoj tiom da enskriboj ke ne estis sufiĉe da pokaloj. Oni demandis tra la mikrofono ke oni kunportu po familio nur unu pokalon ; sed kelkaj ne faris tion. Por estontaj kongresoj oni eble pripensu ne plu akcepti enskribojn, por granda ekskurso, post iu fiksita dato.

Je la 15a, la grupego iris al Oostende, la marbordo. Sufiĉe lacaj, ili vespere reatingis Bruselon. Ni aldonu ke la kondukistoj de la boatoj donis unuafoje la klarigojn en Esperanto. Estis tradukita la teksto kiun ili kutimas eldiri.

En Bruĝo f-ino Marie-Louise Roose kaj s-ro A. Dumarey donis klarigon en la muzeo. Gvidis en la urbo : s-ino Henriette Roose-De Kersgieter, f-inoj Yvonne Poupeye kaj Willems, s-roj Roose, Martens, Poupeye, De Mol, Hendrickx, Iserentant. Samideano De Bruyne zorgis pri la vagonaro. Speciala kurseto estis antaŭe donita de s-ro Roose.

### Vendredaj Ekskursoj.

Okazis posttagmeze ekskurso al Antverpeno sub gvido de s-ro Jaumotte, kiu donis ĉiujn eblajn klarigojn en la centra stacidomo, en la Rubensdomo, la Verda Placo, la urbdomo kaj sur la ŝipo dum la Skeldoveturado. Li estis akompanata de s-roj Verstraeten, Vermuyten, De Marré, Balleux, Jan Jacobs kaj s-ino Bernaerts.

Ankaŭ al Gent ekskursis grupo de kongresanoj sub gvidado de f-ino Terrijn kaj s-ro De Boes. Ili ricevis bonan superrigardon pri tiu historie kaj ekonomie interesega urbo.

En Lieĝo s-roj Bruno Denoël kaj M. Lemme helpis D-ron Denoël, kiu organizis la unuan lieĝan parton de la postkongresa ekskurso, kiun entute gvidis F-ino R. Huysmans, akompanata de la L.K.K.-ano S-ro J. Oleffe kaj de S-ro Nico Van Herck ; postkongresa ekskurso, kiu iris ankaŭ al Aachen, kie okazis kora akcepto, al Köln kaj sur la Rejno.

### Teatra Vespero.

Plej granda laŭdo ! Tiuj Jugoslavaj gesamideanoj estas veraj artistoj kaj mi kredas ke nia plej bona trupo de profesiuloj ne estus pli bone farinta. Ili ludis " Kurioza Okazaĵo " de Goldoni. La aplaŭdego estis meritita. Bedaŭrinde, bedaŭrinde ke tia prezentado (kaj la tuta prepara laboro !) estas nur por unu fojo ! Kvar tagojn poste, la sama trupo ludis " La friponaĵoj de Skapeno " de Molière. 200 personoj ĉeestis kaj egale ĝuis kiel la lundon vespere. Je la fino de la oficiala prezentado S-ro Jaumotte suriris la scenejon kaj kun siaj plej koraj komplimentoj transdonis al la artistinoj belajn florojn.

### La Koncerto.

La sukceso de la vendreda Koncerto en la Palaco de Belaj Artoj estis endanĝerigita plej serioze pro la forresto, — je la lasta momento anoncita, — de la Pola Kvarteto, kiu akceptis plenigi grandan parton de la programo.

Restis tamen la germana horo, kies membroj ne estas esperantistoj, sed kiuj tamen bele kantas esperanto-ariojn, kaj bonvolemulo, kiu, ankoraŭ dum la kongresa semajno, akceptis plenigi la programon.

Vere citindaj estas krome, nia belga samideano S-ro Peter Desmet, kiu ĉe la pianoforto aplaŭdigis sin en diversaj plej plaĉaj numeroj kaj, kompreneble, S-ino Alice Van Walleghem, tre fama kantistino, kiun ĉiuj belgoj konas per la radio, televido kaj koncertoj kaj kiu plej agrable aŭdigis ok esperanto-kantojn, tradukitajn de S-ro H. Vermuyten kaj M. Jaumotte. Ŝia sukceso estis escepte varma kaj kiam S-ro Jaumotte transdonis al ŝi belan florgarbon kaj reaplaŭdigis ŝin



## La 46a Universala Kongreso en Harrogate (Anglujo).

Jam en tiu ĉi numero, en kiu ni raportas pri la 45a U.K., ni tamen volas atentigi pri la 46a, kiu okazos en Harrogate, kaj por kiu la kotizoj estas plialtigitaj, kompare al tiuj por la 45a en Bruselo.

Ĉiu do rapidu por ankoraŭ ĝui la rabatitan kotizon de la unua periodo, kiu estas ĝenerale : B.Fr. 550.

Por la individuaj membroj de U.E.A. rabato de B.Fr. 50.

La edzino de kongresano pagas la duonon de la kotizo de la edzo ; dum infanoj ne pli ol 20-jara kaj studentoj pagas 1/3 de la ordinara kotizo por kongresano.

| *Kotizoj* | *Ĝis 31-12-60* | *31-3-61* | *30-6-61* |
|---|---|---|---|
| *Kongresano* | *500* | *590* | *680* |
| *Edzino* | *250* | *295* | *340* |
| *Junuloj malpli ol 20 jaroj kaj studentoj* | *190* | *220* | *250* |

kaj ŝian edzon, kiu regule akompanas ŝin sur la piano, eksplodis tondra manfrapado, precipe kiam ŝi certigis ke ŝi, ankaŭ antaŭ la radio, kantos esperanto-kantojn !

### La Kongresa Balo.

Kion diri pri ĝi ? Mi bedaŭras ke ne estis devigita malhelkolora kostumo por doni impreson de ceremonieco. Ŝajnas ankaŭ al mi ke multaj iom frue foriris. Tamen la orkestro estis bonega . . . por mi iom laŭta . . . sed, kompreneble ke oni tre bone amuziĝis.

### Vizitoj.

Tiun al la muzeo de Belaj Artoj gvidis Dr. Couwenberg por ĉirkaŭ 70 personoj. Tiujn al la radio-stacio gvidis LKKvicprezidanto Gr. Maertens. Kie li trovis la tempon ? ! Kaj al la Kongo-muzeo gvidis S-inoj Staes kaj Jirousek kaj F-ino Obozinski.

### Fakkunvenoj.

Estis de la Katolikoj, Framasonoj, Juristoj, Kuracistoj, Universala Ligo, instruistoj, jurnalistoj, blinduloj, rotarianoj, skoltoj (oni ne komprenas ke Esperanto ne estas jam multe pli disvastigita en tiuj medioj), de la ŝak-amatoroj (ĉu la maĉo kontraŭ Belga grupo okazis ? la rezulto ?), de arkitektoj kaj konstruistoj, de la Protestantoj de la studentoj, de spiritistoj, de veteranoj, de la Liber-ekonomia Movado, de la militrezistantoj, kaj por ĉiuj oni devis trovi raportanton kaj poste multobligi la tekston Jes, kelkaj laboradis kaj laboregis, ne viditaj, malantaŭ pordoj preskaŭ konstante fermitaj, ĉu ne S-ino De Marré ? S-ro R. Jaumotte kaj kelkaj aliaj anonimuloj.

Okazis plie " Belarta " kaj " oratora " konkursoj. S-ro Albert Samijn el Bruselo gajnis du premiojn por tradukita poeziajoj. Carlo Minnaja gajnis la oratoran konkurson kaj do ankaŭ la pokalon kiun li el la manoj de Dr. Lapenna ricevis kaj . . . tuj povis redoni ! Ĉu ne estus pli bone lasi ĝin al la koncerna persono kontraŭ skriba atesto ke li donos novan, saman, se li perdus ĝin ?

Aŭtoro de la jaro estis proklamata S-ro T. Sekelj, la homo kiu starigis esperanto-flagon sur la Akonkagua ! Ĉu vi deziras detalojn ? Legu lian libroj pri tiu heroaĵo.

### La Fino.

La Solena fermo estas ĉiam emociiga. Ĉar, ankaŭ se oni spertis kelkajn malagrablaĵojn, la belaj momentoj estas tamen superantaj kaj tiam oni forgesas la unuajn. Envenis de la reĝo respondo al la telegramo sendita. Ni aŭdis la finraportojn kaj multajn dankojn al multaj personoj pro multaj servoj. Ni aŭdis la rezultatojn de la konkursoj. Tr e imponaj estas certe la raportoj pri komitato kaj estraro. Imagu ke la unua kunvenis dum 19 horoj kaj la dua dum 15 horoj. Kelkaj punktoj estas notindaj. Kotizoj UEAmembreco kaj kongreso plialtiĝos.



Aperos dua Belarta kajero de UEA kiun redaktos W. Auld. Por kampanjo en Afriko, kiun faros T. Sekelj, estos disponata sumo de mil pundoj. Estas la dua jaro ke UEA ne havas deficiton. Prelegvojaĝoj estos depost nun ekskluzive sub aŭspicioj de UEA. La estraro ja volas eviti malagrablaĵojn al la organizantoj de tiaj prelegoj kaj celas iom garantii indecon.

Universala kongreso '61 okazos en Harrogate (Yorkshire) kaj la intenco estas ke ĝi prezentiĝos kiel internacia arta festivalo. Kie ĝi okazos en '62 ? Ĉu en Ascoli ? (Italujo). En '65 eble en Tokio. Tre dezirinde ke foje estu en alia kontinento. UEA klopodos aĉeti propran domon en Rotterdam. Aperos du libroj en serio " Okcidento-Oriento " kaj kredito de 200 pundoj estas disponata por agado en Oriento.

La lastaj momentoj alvenis. Dankvortoj al la LKK ; dankvortoj al la Belgaj esperantistoj ; kaj fine dankvortoj de G.C. Fighiera nome de la LKK al la prezidanto s-ro Jaumotte kaj transdono de donaco . . . certe utila por prezidanto : martelo ! Liaj voĉo kaj martelo kune certe nun superregos ankaŭ plej grandan bruon de esperantistoj kiuj ja fervorege parolas sian lingvon ! (kiu lingvo, tiu sia lingvo ?). Bedaŭrinde ke la solena fermo ne povis okazi en la sama salono de la solena inaŭguro kie pendis la flago. Ni foje vidis kiel malrapide, ĉe la fino, la kongresa flago malsupreniris, estis faldata kaj transdonata al la prezidanto de la venonta kongreso. Kortuŝa momento ! La " Espero " estas tiam kun pli da sento ankoraŭ kantata . . . kaj estas ankaŭ la lastan fojon de tiu semajno ke super la horo ni aŭdas la voĉon de . . . Einar Dahl !

Finita. Jes estis entute bela kaj bona kongreso. Mallonga, amika akcepto de la kunlaborintoj tuj poste ankoraŭ en la palaco trafe akcentis tion.

* * *

Mi aldonu ankoraŭ ion koncerne la du ligojn en nia lando. Estis tempo dum kiu ekzistis nur la Belga Ligo. En 1930 fondiĝis la Flandra Ligo juna, batalema, kun multe da romantismo. Dum tuta periodo estis . . . nu, ne amikaj rilatoj ! Depost kelkaj jaroj tio ŝanĝiĝis. Kaj nun la harmonio en la kunlaborado estis perfekta, perfekta ! sur loka kaj sur landa skaloj. Ni iĝis frataj organizoj. Sen ia ebla dubo, tiu-ĉi kongreso rokfirmigis tiujn sentojn. Sub la gvidado de la personoj kiujn ambaŭ ligoj nun havas, tiu stato restos. Ambaŭ ligoj devas kunordigi siajn planojn kaj metodojn por celtrafe atingi kaj konvinki la malfervoran publikon kaj la malfavorajn instancojn en Belgujo.

Fern. Roose

## La Homo estas en danĝero kaŭze de sia propra laboro

Ne estas necese montri ke la tekniko revoluciigis nian individuan kaj socian vivon. Estas pli grave mem preni starpunkton je ĝi, montrante kelkajn fenomenojn venantajn el tiu revolucio.

La tekniko rompis ĉiujn niajn tradiciojn. Sufiĉas montri la bildon de antikva urbo tolerinta la efikojn de la tekniko, por konsciiĝi ke la estinteco tutsimple ne ekzistas, en la koncepto de la tekniko. En la pasinteco ĉio kreskis malrapide kaj iom spontane. La tekniko faras nun en 10 jaroj tion por kio antaŭe necesis jarcentoj. La kontraŭtradicia spirito de la tekniko forprenas de la homo, kiu kutimis apogi sin je prapatroj, ĉiun apogon en la estinteco kaj puŝas lin al la estinteco kie li havas sian hejmon. La tuta nuna vivo, en la mezuro ke ĝi estas regata de la tekniko, estas faranta planojn kaj estas direktata al la estonteco. Do, oni povus pensi ke la nuna homo estas optimista. Kaj jes tia li estas kie temas pri la amaso sed ne kie temas pri la individuo. Neniu epoko konis tian vivoĝuon, kiu povas manifesti sin en ĉiuj entreprenoj ; sed neniu epoko konis pli profundan pesimismon de pensantaj individuoj.

Tiu kontraŭdiro elfluas el la al-la-estonto-direktiteco de la tekniko. Tiu estonteco ne karakteras individueca sed areca. Kiom ajn stranga ĝi povas ŝajni, la tekniko ekatakas ĝisfundamente la sendependecon de la individuo. Li tiel dependas de malgranda difekto en la elektrodissendo, kiu donas al li tiom da komforto, ke li tute malaranĝiĝas se ĝi okazas.

Lia tuta ekzisto iĝas dependeco de aliaj, kiuj eĉ decidas pri lia intima vivo. Pensanta individuo, edukita en la revoj de la estinteco, ne kapablas esti alia ol sendirekta en tempo kiun li per siaj malnovaj konceptoj ne kapablas kompreni ; kaj tial li emas al pesimismo.

Ĉu li pravas ? Sen ia dubo jes. La progreso kaj evoluo de la tekniko eliminas la individuon kaj enŝovas fortefikan modeligon de la individua vivo eĉ kun standardigitaj sloganoj de persona ekzisto. La plimalfortiĝo de la individuo havas kiel sekvon ne nur la pesimismon sed precipe la malprogreson de prudento. La prudento ne estas specifa kiel la instinkto ; ĝi apogiĝas je individueco kaj progresigas ĝin. La teknika progreso faris la instruadon alirebla por la amaso, kiu jes estas edukata, sed kiu ne povas pensi. Cetere la pensado estas tre danĝera en teknika vivo. Kiu sidas je direktilo de aŭto, ne povas pensi, sed devas havi la akomodiĝintajn refleksojn. Do kun la instruado la tekniko disvastigas la kolektivan malprudenton, kiu alie povas esti tre efika kaj ankaŭ estas tia. Ekzistas kolektivaj malprudentaj agoj kiuj ekskludas ĉian personan kontribuon, kaj kiuj en sia tuto tamen estas prudentaj. Ekzemple la trafikreguloj, en si mem maldelikataj kaj malprudentaj, ebligas la trafikon kaj estas tial prudentaj. Ekzemploj ekzistas pli ol sufiĉaj.

La kolektiva malprudento kelkfoje havas kiel sekvon politikajn katastrofojn : kio estis la kazo i.a. en Hitler-Germanujo ; kaj kio konstante ripetiĝas. Tiu malprudento trovas sian kontraŭefikon kaj dorsapogon en pliiĝanta burokratigo de la socia vivo. La burokrateco tute similas al la trafikreguloj : malprudenta en si mem kaj prudenta en la efikoj. Sekvo de la burokratigo estas la progresanta konformismo en ĉiaj formoj, ankaŭ sur tereno de scienco kaj literaturo, kie ĉia persona laboro estas ne-permesata. Ĝi estas ankoraŭ tolerata en detalaferoj tiel ke ankaŭ la scienca esplorado estas atakata de la malprudento. Dua sekvo de la burokrateco estas la pliiĝanta estingiĝo de la memkonscio, de la meditado, de filozofia meditado. Povas esti ke pli ol iam ajn antaŭe filozofiaĵoj estas legataj, sed oni faras ĝin por akiri ĝeneralan kulturon, kiel iaspecan ornamaĵon de la spirito, samkiel oni legas difinajn librojn kiuj estas la modo i.a. ĉar ili akiris literaturan premion.

La ĝenerala malprudento kiu estas disvastigata de la tekniko, havas kiel alian sekvon ian indiferentecon kiu siavice malplenigas ĉiujn doktrinojn, tezojn kaj religiojn. Tio kio restas de tiuj du lastaj estas iu supraĵa empirismo kun diversaj konkretaj postuloj kiuj ne plu estas subtenataj de principoj. La malnovaj partioj kaj eklezioj rompiĝas. Iliaj anoj ja havas por ili ankoraŭ ian preferon, sed ne plu el entuziasmo, jes el kutimo kaj foje pro tre difinita insisto. Iu persona, mem bone pripensita opinio iĝas pli kaj pli malfacila pro tio ke la organizita malsaĝo laŭ eksterordinare spirita maniero preparas la publikan opinion per gazetaro, radio, filmo kaj aliaj propagandiloj. Estas preskaŭ ne eble eskapi kaj eĉ en landoj kie oni respektas la liberecon de opinioj, kandidato povas akiri per bone organizita propagando 80 % kaj pli de la voĉdonoj. La tiel nomata publika opinio, kiel ĝi manifestiĝas en la gazetaro, estas grandparte mito. Tre malofte oni komunikas gravajn okazintaĵojn ĝuste kaj kun ilia vera fundo. La konscie organizita malsaĝo en la formo de reklamo aŭ propagando, havas kiel celon nuligi personan juĝon, malhelpante la individuojn teni distancon inter si kaj la objektoj. Senĉese oni sugestas alli bezonojn tiel ke li ne kapablas agi alie ol la reklamo aŭ propagando ĝin deziras, kvankam tio okazas en plena konscio de libereco. Per tio ĉia propra individua vivo estas malebligata. Oni vivas individue, kiel ĉiu, pro tio ke la propagando ĝin tiel volas aŭ deziras. Entuziasmo estas tie-ĉi ne ebla ; jes ia sovaĝa, bolanta furiozo kiu povas akapari amason. Individuo kiu vere al propra sorto estas lasata, enuas kaj ne scias kio pri sia tempo. Efektive la tekniko evoluigis krom la malprudenton ankaŭ persistan intersubjektivan dependecon de tre speciala naturo. La restoracio aŭ kafejo fariĝas la normalaj kunvenejoj de multaj homoj samkiel la kinejoj aŭ sportejoj de spektatoroj.

**Speciala letervespero.**

La Esperanto-grupo de LJUBLIJANA en Jugo-Slavujo organizas specialan letervesperon kaj invitas ĉiujn kunlabori per redakteto pri la temo : " Kiel mi vivas kaj agas kiel esperantisto ". La 10 plej bonaj respondoj estos premiataj per jarkolekto de " La Suda Stelo " (tre interesa revuo noto de red.) kaj ili estos publikigataj en la Esperanto-revuoj.

Adreso : Esperanto-klubo, Poŝtfako 275 LJUBLIJANA Jugo-Slavujo.

La intersubjektiva dependeco estas ne nur spektakla, ĝi estas ankaŭ tre reala. La tekniko ne povas evolui sen grandaj grupoj en kiuj ĉiuj prenas tre difinitan lokon. La reciproka dependeco de la nunaj individuoj montras jes al nova speco de solidareco sed la okazanta manifestacio de tio estas evoluinta amasspirito kaŭze de kiu ĉiu, plus minus, pensas laŭ sama maniero, sen ke estas necese utiligi ian propagandmanieron.

Ekzistas difinitaj pensoj aŭ opinioj kiuj tre rapide disvastiĝas tra la lando sen ke iu tion reguligis. La primitiva kunligiteco de la tribo komencas nun laŭ konfuziga maniero akapari grandajn komunumojn kaj detrui ĉian individuan proprecon. La intersubjektiva dependeco kreas mitojn kaj havas mitan karakteron. La nuntempa prefero por la mito, la tuta mitomanio de nia tempo, estas sekvo de la intersubjektiva dependeco.

Al la malprudento kaj al la intersubjektiva dependeco ni devas aldoni la deziron al komforto aŭ al la organizita malviglemo kaj la fataleco. La malviglemo estas konstante plifaciligata de la tekniko. Tiel la pedagogiaj rimedoj estas trukaĵoj por instrui ion sen vera peno kaj sen vera kono. Ĉio estas farata facile. La filmo ne demandas streĉadon, ne pripensadon, oni nur devas lasi sin drivi. La ĵurnaloj iĝas pli kaj pli simplaj. Eĉ la romanoj estas anstataŭataj per bildoj. La muziko ne postulas penon : ĝi havas simplan ritmon, sen ia profundeco. En iu senco, la abstrakta arto estas bona esprimo de tiu komforto, samkiel la facilema realismo. La malviglemo havas kiel sekvon i.a. laceco, la plendadon pri streĉado, la emon al ferio kaj nenionfarado. Tamen, ripozo estas ŝanĝo de laboro. En teknika societo tio ŝajnas ne ebla.

Krome, ĉio estas kunligata de premanta neceso kiu, kiel antikva Fato, pendas super la kapo de la hodiaŭa homo. Ĉiu vivas en konscio ke li tamen ne kapablus ŝanĝi difinitan situacion, ke li ne estas necesa kaj ke li estas anstataŭebla. (Jen alia faktoro kiu helpas la individuan pesimismon.) Fakte ŝajnas ne ekzisti eskap-ebleco al la iro de la historio kaj ŝajnas ke ĝi estas regata de neŝancelebla determinismoj. (En tio O. Spengler, A. Toynbee, P. Sorokin kaj kelkaj Marksistoj inter si ne diferencas) en kiu la individuo ne ludas rolon kaj ne povas ludi rolon. La teknika civilizo, kiel ĝi nun evoluas, estiĝas determinismon kiu estas pli severa ol ĉiu determinisma teorio kiu ĝis nun estis disvolvata.

Rim. de la Red. : La aŭtoro kun kies afabla permeso ni tradukis kaj publikigas tiun-ĉi artikolon, Prof. Dr. L. Flam estas ankoraŭ juna filozofo kaj historiisto. Li laboras multege, publikigas ankaŭ sur literatura tereno kaj havas sinceran kredon ke li helpas al racia klerigado de siaj kunhomoj. Li estas pridiskutita persono ĉar li prenis lokon en la laika humanista movado. Ni ne diras ke ni samopinias kun ĉio kion la aŭtoro tie-ĉi deklaras. Sed tute certe li pensigas kaj montras la danĝeron de ekskluziva teknikismo. Vi povas ankaŭ konstati ke li pensas originale kaj profunde. Estas bone ke niaj gesamideanoj konsciiĝu en kiu tempo kaj en kia homaro ni staras kaj laboras.



# BELGA KRONIKO

**Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.**
**Vicprezidantoj : S-ro Henri SIELENS, Falconrui, 21, Antverpeno ;**
**D-ro Pol DENOEL, 20, rue Victor Raskin, Liège.**
**Vicprezidantino : S-ino Julia PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.**
**Generala Sekretario : S-ro Luc DE MARRE, Groenendaallaan, 232, Antverpeno.**
**Kasistino : F-ino Rosette HUYSMANS, Steenweg op Brussel, 114, Meise.**
**Administranto de B.E. : S-ro François SCHELLEKENS, Frans Hensstraat, 44, Antverpeno.**
**Reprezentanto de TEJO : S-ro Nico VAN HERCK, Tolstraat, 48, Antverpeno.**
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

## Gratuloj.

Dimanĉon, la 23an de oktobro gefianĉiĝis F-ino Rosette Huysmans, kasistino de Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj sekretariino de la Brusela Grupo, kaj S-ro Nico Van Herck, administranto de la Ligo, kiel reprezentanto de T.E.J.O.

Ni sendas niajn plej korajn gratulojn al niaj du gekolegoj kaj geamikoj, kiuj geedziĝos la 27an de decembro, eble do antaŭ la apero de nia sekvonta numero.

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
Poŝtĉeknumero : 726.54.

La 27an de majo la kunveno estis dediĉata al la U.K. dum kiu la Prezidanto S-ro M. Jaumotte donis multajn informojn pri ĝia organizado.

La 3an de junio, S-ro R. Van Eynde prezentis kelkajn belajn kolorigitajn filmojn kaj la 10an S-ro R. Jaumotte gvidis kaj prezentis distran vesperon laŭ sia kutima sukcesplena maniero.

La 17an, dum solenaĵo, sekvantaj gelernintoj de la Elementa Kurso ricevis la diplomon: S-roj J. Lauwijck, P. Colas kaj A. Van Ostaede; S-ino J. Vermunt kaj F-ino Y. Broeckx. Eksterkonkurse S-ro N. Van Herck, studinte Esperanton hejme, ankaŭ plensukcese akiris la diplomon. Post la alparolo de la Prezidanto, F-ino Y. Broeckx, nome de la gelernintoj, per trafaj vortoj dankis la profesoron S-ron L. De Marré, kiu siavice konkludis la solenaĵon per fajra instigo al daŭra praktikado de Esperanto. Dum la dua parto de la vespero kabareta programo estis prezentata al kiu kunlaboris la kutimaj «famiĝantaj» geaktoroj: S-ino J. Andries, F-ino E. Buysse (kies debuto multe promesas), F-ino S. Celis kaj S-ino M. De Marré; la S-roj M. Andries, F. Schellekens, K. Van den Bergh kaj J. Verstraeten. Ankaŭ la ĵus diplomitoj jam kunlaboris laŭ vera « artista » maniero: S-roj P. Colaes, J. Lauwijck kaj A. Van Ostaede. F-ino E. Van der Weken zorgis por la trafaj skeĉoj kaj S-ro A. Van Dessel flegis la lumaranĝojn.

La 24an, multaj verdstelanoj partoprenis al la tradicia vizito de la pentekosta foiro kaj travivis kelkajn agrablajn horojn.

La 1an de julio, la 10a serio de la rubriko « Tra la mondo », kiu rilatis al

« Danujo » vekis grandan intereson kaj la 8an, sub la lerta gvidado de S-ro E. Paesmans, pli ol 30 gemembroj faris promenadon tra malnova antverpena kvartalo.

La 15an, belaj kolorigitaj diapozitivoj kun Esperanto-komentario estis prezentataj de S-roj C. Borremans kaj A. Somers, helpata de S-ro R. Van Eynde. Temis pri « Internaciaj Junular-gastejoj ».

La 22an, la kunveno denove staris en la signo de la U.K. kaj la 30an, la lastan tagon antaŭ la U.K., kunveno ne okazis; ankaŭ ne dum la kongressemajno.

La 12an de aŭgusto, jam kelkaj membroj, sed plejgrandparte la Prezidanto S-ro M. Jaumotte, raportis pri la Kongreso en Bruselo.

Pro la semajno de antverpena kermeso, la 19an ne okazis kunveno.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en «Witte Leeuw», Frankrijklei, 4 je la 20,15a h. (1a etaĝo).

SEPTEMBRO: la 2an: Parolata jurnalo gvidota de S-ro Fr. Schellekens; la 9an: Teatra Vespero: radiofona teatrajo; lundon, la 12an: ELEMENTA KRSO en Belgiëlei, 99, komenciĝo je la 20a h.; la 16an: NOVA RUBRIKO: « Ĉirkaŭ la Fajro », ĉiaj rakontoj fare de la gemembroj; la 23an: parolado kun lumbildoj de S-ro L. De Marré; la 30an: Kultura distra vespero gvidota de F-ino H. Hofkens.

**Familia Vivo**

**Geedziĝo**

Koraj gratuloj iras al F-ino Solange Celis kaj Karel Van den Bergh, kiuj geedziĝis la 19an de julio.

BRUGO

**Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo**
(Poŝtĉekkonto N° 4835.33)

Dum junio okazis la ĉiumardaj kunvenoj post leciono de elementa aŭ perfektiga kurso. La 28an la membroj el ambaŭ Bruĝaj grupoj kunvenis en « Strijdershuis » en la kadro de EKI. Plie ĉeestis brita samideano: S-ro Simpkins. S-ro Ch. Poupeye enkondukis S-ron F. Roose, kiu donis tiam unuan lecionon pri gvidado tra Bruĝo, kaj precipe pri la ekesto de la urbo kaj pri la diversaj stiloj de ĝiaj monumentoj.

Dua leciono estis same donata la 12an de julio pri la sama temo kaj la 26-an de julio, dum ke sabaton 23an, posttagmeze, la planita ekskurso tra Bruĝo estis prove farita.

Intertempe la 19an de julio okazis koresponda vespero, dum kiu la ĉeestantoj akceptis multajn respondotajn leterojn el diversaj landoj.

La 2an de aŭgusto ne okazis kunveno pro la U.K. kiun ĉeestis ok gegrupanoj, el kiuj du : F-ino Yvonne Poupeye kaj F-ino Madeleine Willems ricevis tie la ligan medalon por 25-jara membreco. Jaŭdon 4an de aŭgusto, la kongresaj ekskursantoj estis akceptataj kaj rondgvidataj tra la urbo de diversaj grupanoj. Mardon 9an de aŭgusto okazis detala raportado pri la U.K. kaj la liga medalo pro 25-jara membreco estis transdonata al S-ro Karlo Poupeye (filo).

La 16an de aŭgusto, S-ro Ch. Poupeye faris paroladon pri la Bruĝa Sonorilaro, kun aŭdigo de diskoj. Humorajoj estis rakontataj dum la kunveno de la 23a, precipe de F-ino G. Wybouw. La 30an ne okazis kunveno.

La grupa komitato organizis la vintran laboron dum sia kunveno de la 5a de septembro kaj decidis inter alie rekomenci novan elementan kurson la 20an. Dum la kunveno de la 6a, la ĉeestantoj aktive kunlaboris al dissendado de cirkuleroj pri tiu kurso. Ankaŭ antaŭvide al la vintra laboro okazis kunveno de EKI la 12an de septembro, pri kiu estis raportata dum la grupa kunveno de la 13a, post kio S-ro Ch. Poupeye faris paroladon pri « Vienne en Dauphiné » Francujo.

La 20an de septembro komenciĝis nova elementa kurso, sub gvidado de la prezidanto, S-ro Ch. Poupeye, kun kon-



tentiga nombro da novaj gelernantoj, el kiuj la plimultaj loĝas en la malproksima ĉirkaŭaĵo de la urbo. Post la leciono sekvis la kunveno, dum kiu novaj gelernantoj kaj malnovaj gemembroj agrable interkonatiĝis.

La 27an de septembro, post la dua leciono, la ĉefaj E.-revuoj estis prezentataj al la novuloj.

Tria kaj kvara lecionoj estis donataj la 4an kaj la 11an de oktobro kaj ĉiufoje sekvataj de amuziga kaj lerniga portretludado.

La 18an de oktobro okazis la 5-a leciono sekvata de disaŭdigo de E.-diskoj komentariataj de la prezidanto.

**Programo por la venontaj kunsidoj :**

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la kunvenejo « Strijdershuis », Hallestraat, N° 14; Tel. N° 347.98 :

Dum la unua horo de ĉiu marda kunveno, leciono de la elementa kurso. Dum la dua horo : ordinara kunveno kun jena programo :

NOVEMBRO : 1an : pro festotago ne okazos kunveno ; 8-an : Legado de B.E. -- Disdono de disvendotaj balkartoj ; 15-an : Praktikaj paroligaj ekzercoj ; 22-an : Muzika vespero, kun komentario de F-ino Y. Poupeye.

Sabaton 26-an, je la 9a vespere, en CONCORDIA : Granda publika balo, organizita de la du Bruĝaj grupoj. Orkestro « Eddy Burssens ». Rezervu tiun daton kaj ĉeestu la balon kun multaj geamikoj. 29-an : Generala raportado pri la balo.

DECEMBRO : 6-an : Sta-Nikolao-vespero : ĉiu alportu ne-konatan premion ; 13-an : Debato : Ĉu viroj kaj virinoj estas egalaj ? ; merkredon 14-an : Eksterordinara EKI-kunveno en Middenstandshuis, 't Zand, kunlabore kun la grupo « Paco kaj Justeco » : ZAMENHOF-VESPERO.

20-an : U.E.A.-vespero ; 27-an: Finjara vespermanĝo : Mituloj kaj fritItaj terpomoj.

BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero: 12.30.48)

La 16an de majo, S-ro van der Stempel rememorogis al ni diversajn vortsimilecojn.

a 23an, S-ino Ross, gvidis lerte kaj sprite la distran vesperon.

La 13an de junio, S-ro Piron montris



al ni kelkajn belajn filmojn: « Konstruo de la Ardena Ponto », « Vintra Sporto », « La lupo kaj la hundo », « Ekspozicio 1958 ».

La 20an, S-ro van der Stempel daŭrigis sian kurson pri la similaj vortoj. Vizito de kvar jugoslavaj fervojistoj.

La 27an, kunlabore de Gesinjoroj Obozinski kaj Jacobs, oni ĝuis pri belaj diapositivoj pri Grésillon kun taŭgaj klarigoj.

La 4an de julio, kutima parolata ĵurnalo; venkis S-ro Castel.

La 11an, debato pri Kongolando gvidita de S-ro Castel.

La 18an, perfektiga kurso fare de S-ro van der Stempel.

La 25an, lasta laborkunsido antaŭ la Kongreso; la prezidanto donis multajn klarigojn kaj respondis al multaj demandoj.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiulunde, je la 20a h., en la 1a etaĝo de hotelo « Monico Nord », 2, strato Brabant (placo Rogier), Bruselo 1a, tel.: 15.26.01.

SEPTEMBRO: 5an: parolata ĵurnalo; 12an: S-ino Staes rakontos pri siaj spertoj dum la 45a Kongreso; 19an: Perfektiga kurso, fare de S-ro van der Stempel; 26an: distra vespero gvidota de S-ino Ross.

OKTOBRO: 3an: parolata ĵurnalo; 10an: komuna legado de la Festparolado de S-ro Lapenna dum la Kongreso; 17an: perfektiga kurso; 24an: distra vespero; 31an: debatvespero.

NOVEMBRO: 7an: disdono de la premio de la Parolata ĵurnalo; 14an: parolado; 20an: JARA FESTENO (dimanĉe).

**Funebro.**

La 19an de julio mortis en Bruselo, 92jar-aĝa la patrino de D-ro Paul Kem-

peneers, prezidanto pro Honoro de R.B.L.E. kaj Honora prezidanto de la Brusela Grupo.
Ni prezentas al li kaj al lia familio niaj plej sincerajn kondolencesprimojn okaze de tiu ĉi grava funebro.

CHARLEROI

**Karloreĝa Grupo Esperantista**

Post la vizito de parto de la Kongresanoj al Charleroi kaj la libertempa periodo, la grupo rekomencis sian laboron sub la prezidanteco de S-ro Paulus.
S-ro de Cuyper kiel antaŭe estas nun ankaŭ la kursgvidanto.

LIEGO

**Lieĝa Grupo Esperantista**

La 28an de junio okazis en lokalo « Prince de Liège » konferenco de F-ino Wolff, eksprofesorino de geografio, pri la temo « Svislando nin vokas » antaŭ kvindeko da personoj. Por agrabligi la kunsidon, F-ino Wolff estis enregistrinta sian paroladon kun delikata muziko sur sonbendon, kiun S-ro Bruno Denoël aŭdigis dum ŝi akompanis per projekcio de ĉarmaj koloraj vidaĵoj pri la pritemita lando. Kiel substrekis D-ro Pol Denoël, kiu prezentis la paroladistinon, pluraj el ni travojaĝis Svislandon, sed kiom al ili vere vidis ĝin. Ni do reiru tien, ĉar per siaj belegaj pejzaĝoj « Svislando nin vokas ».
La grupo kunvenis trifoje dum la monato septembro ; temas komprenebe pri ĝeneralaj kunvenoj, ĉar la kunvenetoj antaŭ la malfermado de kursoj estas sufiĉe multnombraj.
Mardon, la 13an estis filma vespero kun partopreno de ĉirkaŭ 50 personoj, projekcio de la pedagogia filmo de D-ro Denoël.
La 20an Kongresa vespero, dum kiu S-ro Lemme kaj S-ro Burnelle raportis respektive pri la Universala kaj S.A.T. kongresoj.
La 27an, okazis Memorvespero, dum kiu oni aŭdis tre malnovan Esperantistinon de nia lando, F-inon Elsa Champy, kiu, kvankam forlasinta la movadon depost multaj jaroj, humore rakontis esperantlingve pri sia junaĝo, kiam ŝi vidis D-ron Zamenhof en Antverpeno en 1911. Ŝi montris kiel per persisto, oni povas akiri gravajn rezultojn. Tiuj-ĉi du lastaj kunvenoj allogis proksimume 25 partoprenantojn.
Iun dimanĉon kiel kutime, la grupanoj partoprenis la amikan horon, organizitan de la Sendependa Klubo, en la parko de la Citadelo.
Publikaj kaj parolaj kursoj estas anoncataj por oktobro en Lieĝo, Angleur, Herstal, Ougrée, Vaux-sous-Chèvremont kaj Visé.

**Familia Vivo**
**Edziniĝo**

La 6an de julio edziniĝis nia membrino F-ino Georgette Lemaire kun S-ro Huberty.
Al la feliĉaj geedzoj niajn tre sincerajn gratulojn.

VERVIERS

**Verviersa Grupo**

La unuan de septembro S-ro Hérion, prezidanto de la Esperantista Grupo de Verviers, faris prelegon en la ejo de la Y.M.C.A. de Verviers.
Antaŭ kunsidantaro de gejunuloj, S-ro Hérion, dum unu horo, parolis pri nia internacia lingvo. Li rakontis la vivon de D-ro Zamenhof, la kreadon de Esperanto kaj, por fini, li tre bone klarigis la ĉefajn regulojn de la esperanta gramatiko, ĉar la celo de la prelego estis akiri novajn lernantojn.
Du belaj filmoj promenis la spektantojn per pitoreska vojaĝo de la belga marbordo ĝis la Ardenoj.
Tre bela kaj interesa vespero kiu permesas esperi novajn gelernantojn por la nova kurso.





# Recenzoj...

"*Memorlibro pri la Zamenhof-jaro*". Redaktis Prof. Dr. I. Lapenna. Eldonis : U.E.A. Rotterdam 1960. Formato : 22.5 × 29 cm. 104 Paĝoj + 16 fotopaĝoj. Prezo : 12,50 Ned. Guld. aŭ 50 steloj. Bindita.

Estas ne sekreto, kiam la estraro de UEA volas ion, ke ofte estas Prof. Lapenna kiu klare vidas kio estas farenda kaj ke estas la sama persono kiu havas la volforton por persisti ankaŭ kiam multaj malhelpoj baras la vojon. Sen Dr. Lapenna ni estus ankaŭ havintaj ian memorigon pri la centjara datreveno de la naskiĝo de la " Majstro " ; sed certe ne en tia amplekso kaj en tia impono en kia ni travivis ĝin nun. Je la fino de ĉiuj manifestacioj devis esti tiu-ĉi memorlibro . . . kiu nun, pro la cirkonstanco ke UNESCO decidis memorigi la saman figuron en 1960, estos eble la komenco de nova serio de manifestacioj. Ni notu unuavice ke tiu memorlibro estas laŭ ĉiuj vidpunktoj inda publikigaĵo, komparinda al similaj libroj en nacia lingvo pri grandaj naciaj figuroj. Tio montras denove en kia grado nia movado leviĝis ĝis la nivelo de serioza kultura movado. Ankaŭ tion ni dankas grandparte al Dr. Lapenna. En la aluditaj nacilingvaj honorigaj libroj, kutime aro de intelektuloj skribas kontribuaĵon. La sama okazis tie-ĉi. Kelkaj de tiuj artikoloj jam aperis en " Esperanto ". Sed multaj aliaj estas nur nun publikigitaj. Ĉiuj senescepte staras sur alta nivelo. Inter tiuj artikoloj staras ĉu poemoj (ekz. de Prof. Dr. E. Privat) ĉu pensoj de Zamenhof mem. La redaktoro eĉ opiniis konsilinda aperigi poemon de Poul Thorsen pri Josephine Baker(!) en kiu li vidas verŝajne ian similkarakterecon kun Zamenhof ? Mi ne scias ĉu necesas citi kunlaborantojn ? Estas memkompreneble ke oni trovas nomojn kiel Waringhien Collinson, Kalocsay, Auld, Boulton kaj multajn aliajn. Cetere multaj de niaj gelegantoj jam havis okazon vidi la libron kiu troviĝis en la stando dum la universala kongreso. Vi trovas tie ankaŭ la internacian patronan komitaton, la organizan komitaton, la deklaracion okaze de tiu datreveno, la bazan programon . . . kaj apartan grandformatan foton de Zamenhof, kiu viciĝas en la malmultaj belaj fotoj pri li. Aparte menciinda estas la kolonaro kun biografiaj informoj pri Zamenhof, verkita de Roland Jossinet. Post la artikolaro sekvas la superrigardo pri ĉio kio estas farita en la diversaj landoj por inde festi la majstron : tion kompilis F-ino M. Vermaas. Tre interesa estas evidente la fotaro kiu ilustras la vivon de Z. Por fini mi volas akcenti propagandan flankon de la memorlibro : multaj personoj metas sur la tablo de sia salono iun belan libron kiel ornamaĵon aŭ por okupi even-

tualajn atendantojn. Se vi, kara leganto, ankaŭ faras tion, nu, metu tiun-ĉi libron ; ĝi plenumas ĉiujn postulojn je tia libro.

F. E.

Marjorie BOULTON " *Virino ĉe la Landlimo* ". Drametoj kaj skeĉoj. Eldonis : KOKO Kopenhago. 1959. 196 paĝoj. Prezo : 9 Dan. Kronoj aŭ 18 steloj.

En la antaŭparolo, la verkistino klarigas kial ŝi verkis 15 teatrajetojn : kvankam nia literaturo estas mirinde riĉa je poezio, kaj same riĉa je romanoj kaj noveloj — ni ankaŭ menciu la vojaĝpriskribojn — tiu literaturo estas egale malriĉa je dramoj. Mi tute konsentas pri tiu aserto ; kaj mi eĉ povas tuj aldoni : malriĉa je kiu ajn bela teatraĵo aŭ kiu ajn mallonga verkajo kiu plene taŭgas por artvesperoj aŭ distrai kunestoj. Tial mi aplaŭdas la aperon de la libro kaj mi aplaŭdas la manieron laŭ kiu la eldono teknike estas efektivigita : fortika koverto, bone enbindigita, senligna papero ; jen libro kiu ne disfalos post unu tralego. La libro, konsistanta el 15 verketoj, estas tiel vari-enhava ke iel oni trovas la drameton aŭ farseton kiu taŭgas por ia medio. Tamen, ĉiuj ne estas samnivelaj ; kaj kelkaj eĉ ne estas realigeblaj sur la scenejo. Mi opinias ke la farseto " Drasta Kuracado " kaj la tragedio " Liberiĝo " teknike devus esti adaptataj : ne eblas ternigi du aktorojn dum longa ludparto, almenaŭ se reĝisoro postulas ke la ternado estu kiel eble plej reala ; restas nur la ebleco ke iu elverŝas ternpulvoron, sed tiam la ludantoj ne plu elparolas unu vorton. Por la dua menciita verketo, la postuloj de la teksto ne povas esti anstataŭigitaj per sugestoj, sen risko de perdo de la drama forteco. Pri la literature plej bela " Ĉe l'akvo de Forgeso " en versoj, mi estas certa ke nur estas eble prezenti ĝin sur scenejo, se la roluloj estas profesiaj artistoj. Sed kun tiu kondiĉo la verketo plene sukcesos. Ĝenerale oni povas averti la teatraĵverkistojn ke versoj malhelpas la akceptopretecon fare de la aŭskultantoj ; kaj ke skeĉoj, kiuj celas distri la ĉeestantojn, devas evolui al kulmino, atingota preskaŭ je la fino aŭ kiel finaĵo mem de la verko. M. Boulton ne ĉiam atentis pri tio. La kelkaj kritiketoj tamen neniel celas malvalorigi la verkon entute ĉar, kiel mi jam diris, ĝi estas aplaŭdenda kaj bezonata. La lingvo estas kompreneble modela; tamen mi opinias la uzon de la adverbo " akcidente " anstataŭ "okaze" iom stranga. Menciinda ankoraŭ estas ke kvin el la teatraĵetoj ricevis premion dum belartaj konkursoj, kaj ke la libro entute estas dediĉita al Julio Baghy.

Jen, karaj reĝisoroj, 15 skeĉoj el kiuj vi povos ĉerpi laŭprefere. Sed ne nur por ludigi la enhavon vi aĉetu la libron ! La plej multajn teatraĵetojn mi legis ĝisfine pro la spriteco kaj la lingvobeleco mem.

Gr. M.







— Presita en Belgujo de H. De Baene-Sercu, Delaplacestraat 3, Sint-Kruis Brugge —